20a Jaro - No 8 (210) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Aŭgùsto 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a
OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA
Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ
Henri PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1337.67 (Wilrijck)

## LA FUNEBRA JARO 1934

# A. J. Witteryck Mortis

Oni diras pri jaro, kiu alportis al ni multan ĝojon, ke oni povas ĝin enskribi en oraj literoj en la Historio.

Sed se la Esperantistoj jam konis tiajn jarojn, la jaro 1934 kontraŭe alportis al nia granda Esperantujo kaj speciale al nia malgranda patrujo, nur funebrojn, kiujn ĉiujn oni povas nomi neripareblaj. Ni enskribu ĝin tial per nigraj literoj en nia Esperanto-Historio.

Unue en la vico, venis la morto de nia alta Protektanto, la Reĝo Alberto, patro de nia Honora Prezidanto.

Poste estis nia Prezidanto kaj gvidanto S-ro Schoofs, pro kies forfalo nia tuta movado tremegadas ankoraŭ.



Nun denove alia batalanto foriris, kiu apartenis vere al la glora vico de la unuaj pioniroj, kiuj devis lukti en tiuj jam malproksimaj tempoj, kiam tiu celado nur ankoraŭ vekis mokridojn kaj malagrablaĵojn.

S-ro A. J. Witteryck forlasis nin, post longa malsano.

Jam de antaŭ diversaj jaroj ĉiuj sciis, ke li luktis, kuraĝe luktadis. Li eĉ bezonis siajn tutajn fortojn por tiu laciga batalo. Neniaj restis al li, por daŭrigi la alian bataladon, tiun kontraŭ la indiferenteco al nia movado.

Estas pro tiu kaŭzo, ke li, antaŭ kelkaj jaroj, jam definitive rezignis siajn funkciojn de Prezidanto de Belga Ligo Esperantista, kiun li estis akceptinta post la morto de S-ro Amatus Van der Biest en 1912 kaj kiun li estis plenuminta tiel bone.

Dum kelkaj jaroj jam S-ro Cogen estis anstataŭinta lin, sed ĉiam kontraŭ lia propra volo, la belga Esperantistaro estis reelektinta lin, esperante ĉiam, ke iam li povos repreni sian rolon en nia movado.

Ĉar tio tamen ŝajnis neniam plu iĝi eble, li mem petis, ke oni ne plu altrudu al li tiun funkcion. La Esperantistaro tiam decidis nomi lin « Prezidanto pro Honoro ».

Ni estus estintaj tiel feliĉaj, se ni estus povintaj lin revidi proksiman jaron dum la Kongreso en Bruĝo, la urbo, kie li vere naskis la belgan Esperanto-movadon per la starigo de la Bruĝa Grupo Esperantista, kies honora Prezidanto li cetere ankaŭ estis.

Ni memoru, ke tiu ĉi grupo estas la nura en Belgujo, kiu ĝuis la honoran patronadon de la glora elpensinto de nia lingvo, D-ro Zamenhof kaj estis ankaŭ la lulilo de nia belga movado.

S-ro Witteryck mem estis inter tiuj unuaj laborintoj, kiuj pensis pri la grupigo de ĉiuj fortoj en la Lando.

Kaj tion la novuloj, inter kiuj jam multaj ne plu konis nian karan mortinton, devas almenaŭ memori pri li. Li estis afabla, laborema viro, ĉiam samhumora, kiu plej bone kapablis trankviligi la junajn laborantojn kaj propagandistojn, kiuj ial malkontentiĝis aŭ plendis. Li kapablis ilin preni sub la brako, dum Kongreso, kaj patre ilin admoni kaj konsili.

A. J. Witteryck restis tiu bona patro de la belga Esperantistaro kaj neniam iu sin turnis al li kun demando, kiu ne ricevis kontentigan respondon.

Tial la belga movado ploras sincere tiun bonan viron, tiun bonan laboranton de la unua horo.

« Belga Esperantisto » aldonas siajn funebrajn sentojn al tiuj jam esprimitaj de la diversaj internacia, nacia kaj lokaj korpusoj.

Maur. JAUMOTTE.

P. S. — *La subskribinto jam tuj post la alveno de la funebra novaĵo, estis skribinta la ĉi supran artikolon, kiu ankaŭ estis kompostata, kiam li, ĉe la marbordo, ricevis la detalan « curiculum vitae » kunmetitan de S-ro Cogen. La leganto ĝin trovos post la raporto de la enteriga ceremonio.* M. J.

* * *

**BELGA LIGO ESPERANTISTA kaj BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA, Reĝa Societo, per tiu ĉi vojo tutkore dankas la multnombrajn samideanojn kaj esperantistajn organizaĵojn, kiuj, okaze de la morto de la karmemora A. J. Witteryck, bonvolis doni al ili pruvojn de simpatio, ĉeestinte la funebran ceremonion, esprimінte kondolencojn aŭ prezentinte senkulpiĝon pri neebla ĉeestado.**

# LA FUNEBRA CEREMONIO

Vendredon, 6-an de Julio, okazis la enterigo de Sinjoro A. J. Witteryck.

Jam de la naŭa impona delegacio de la Bruĝa Grupo iris al Steenbrugge, ĉe la domon de ĝia amata Honora Prezidanto, Prezidinto kaj Fondinto. Ĉiuj, kiuj povis sin liberigi, ĉeestis, kaj ĉiumomente ankoraŭ alvenis pliaj gesamideanoj, kiuj grupiĝis ĉirkaŭ la grupa flago envolvita en funebraj vualoj.

Iom post iom ankoraŭ alvenis eksterurbaj delegacioj : Belga Ligo Esperantista, reprezentita de S-roj Cogen, vicprezidanto, kaj H. Petiau, ĝenerala sekretario ; Belga Esperanto-Instituto, reprezentita de S-ro Vermandere, administranto-prezidanto, samtempe administranto de « La Verda Stelo » (Antverpeno) ; plie : el Gento : S-roj Groverman kaj Vandevelde ; el Ronse : S-ro Deboes ; el Oostende : S-ro Vroome.

Jam oni malfermas la grandan pordegon de la presejo Witteryck kaj jen kuŝas en la ĉerko, meze de floroj, Tiu al kiu nia enlanda movado tiom ŝuldas ; Li ripozas tie por la lasta fojo, por la lastaj minutoj, en tiu laborejo el kiu, per Sia senlaca, malavara laboro, per Sia alta kompetenteco, Li tiom da eldonaj juveloj elsendis tra la esperantista mondo. La ĉeestantoj unu post unu iras respektplene kliniĝi antaŭ la ĉerko kaj ni ne povas deteni nin de tiu penso : kiom da samideanoj ŝuldas sian esperantistecon al Vi, pionira laborinto, al Via konvinkiga parolo, al Via heliga instruo, al Viaj valoraj verkoj, al Viaj tiel multnombraj eldonaĵoj. Vi kuŝas nun tie en Via laborejo ; Viaj iloj, Viaj verkaĵoj ankoraŭ ĉirkaŭas Vin, sed ho ve, Vi ĉion forlasos !

Inter la multnombraj floroj, kiuj ornamas la ĉerkon, oni speciale rimarkas tiujn de la Bruĝa Grupo : verdan stelon kun blanka rando, la tuto plektita el malgrandaj floretoj, kaj ankaŭ belegan garbon senditan de Belga Ligo Esperantista.

La ĉeestantoj eniras laŭvice la domon, kie ili kondolence salutas la funebrantajn familianojn, kaj precipe S-inon A. J. Witteryck-Delplace, Ges-rojn Seghers-Witteryck, kaj ankaŭ la fidelan kunlaborantinon de la kara Mortinto : nian estimatan samideaninon, F-inon B. Ledène.

Sed la horo de foriro alvenas senkompate. La funebra ĉaro atendas kaj oni forportas la ĉerkon. Emociiga momento : antaŭ la klinitaj kapoj de Siaj disciploj, antaŭ la disvolvita flago de Sia grupo, estas portata la Bruĝa Esperanto-Apostolo, kiu por ĉiam forlasas Sian domon !

Kaj la sekvantaro ekmarŝas : unue la flago, portata de S-ro Jos. Decoster ; poste la gesamideanoj, kondukataj de S-ro Sylvain Dervaux, Honor-Vicprezidanto, kaj de F-ino Yvonne Thooris, Prezidantino de B.G.E. Sekvas la funebra ĉaro kun la ĉerko, kaŝita sub kronoj kaj garboj kaj ornamita de la flora Esperanto-stelo. La kompatindaj familianoj formas la lastajn vicojn.

Belega estas la vetero, kaj tuthele la suno montras, tie dekstre, tiun « Esperanto-straat », kiun ni ŝuldas ankaŭ al la klopodoj de Tiu, kiun ni nun kondukas al Lia lasta ripozejo. Sed ne tuj ankoraŭ ; ĉar jen la paroĥa ekleziularo, kiu sin lokigas antaŭ la ĉerkveturilon, kaj la sekvantaro daŭrigas sian malrapidan iradon ĝis la preĝejo S-ta Katharina de Assebroek, kie okazos je la 10-a la funebra diservo. Tie ankaŭ estas pliaj gesamideanoj kaj amikoj de la Mortinto. La preĝejo estas tutplena kaj solene sinsekvas la murmuritaj preĝoj, la malĝojaj aŭ esperplenaj kantoj kaj la orgenaj ĝemadoj. Sed ankaŭ venas la lasta liturgia beno ; la sekvantaro reformiĝas kaj direktas sin nun al la urba tombejo de Bruĝo.

Ju pli alproksimiĝas la dolorplena disiĝo, des pli rapida ŝajnas la plenumo de la ceremonio. Jam oni estas en la tombejo, tuj oni grupiĝas ĉirkaŭ novfositan tombon en kiu baldaŭ malaperas la ĉerko ! Post lasta pastra preĝo kaj beno, ekparolas S-ro L. Cogen nome de « Belga Ligo Esperantista ».

**Parolado de S-ro Cogen.**

Ho ve, Geamikoj, jen denove forrabita karulo! En tiu malfeliĉa jaro 1934a, la morto falĉas vere senkompate en niaj vicoj! Ĝi forrabis de ni, en februaro nian altan Protektanton, Reĝon Albert, en Marto, nian grandan pioniron Frans Schoofs, kaj hodiaŭ ni staras antaŭ la tombo de nia tre bedaŭrata Liga Prezidanto pro honoro, nia malnova glora pioniro belga Witteryck!

Viro kun altsenta amo al la homaro, nia Amiko, de sia junaĝo komprenis ke unu el la plej gravaj baroj kontraŭ la pacaj rilatoj inter la popoloj estas la lingvomulteco kaj li penis trovi solvon al tiu stato per la elpenso de persona sistemo de helplingvo internacia. Konatiĝinte, dum lia serĉado, kun la Lingvo Internacia de D-ro Zamenhof kaj konstatinte ke tiu formo multe superis la lian propran, li, kiel bona soldato en disciplina armeo, lasis sian proponon kaj ekpropagandadis Esperanton senlace kaj ĉiurimede dum, oni povas diri sian tutan vivon.

Jes, nia amiko Witteryck estis unu el tiuj malnovaj pioniroj de la unua generacio de nia movado, unu el tiuj kiuj travivis la heroan tempon, kiam oni bezonis veran kuraĝon kaj profundan konvinkon pri la boneco kaj utileco de Lingvo Internacia por maltimi esprimi sian fidon al la idealo kaj batali por ĝi spite malkompreno kaj mokado!

Tia kuraĝa idealisto kaj batalanto estis nia kara Prezidanto dum sia tuta vivo! Li batalis per la parolo, per la plumo, per kursdonado, per presado de lerno-kaj legolibroj, kaj per la starigo, per la ĉizo mi diru, de sia juvelo, tiu mirinde disvolviĝinta Bruĝa Grupo kiun li havis la ĝojon vidi floradi sub lertega gvidado kaj akiri la belan titolon « Reĝa Societo ».

Pro siaj grandaj meritoj kiel propagandanto de nia ideo kaj kiel funda konanto de nia lingvo Li konkeratingis la plej altajn ŝtupojn en nia movado: Lingva komitatano, Prezidanto de nia Belga Ligo, k. c. Senĉese agema por la progresoj de nia movado, Li staris ĉiam sur la unua vico tie kie ia rezultato favora estis akirebla por Esperanto.

Bedaŭrinde, de kelkaj jaroj, nia kara Samideano devis singarde prizorgi sian sanstaton kaj petegis diversfoje ke oni anstataŭu lin en siaj diversaj agaj postenoj. Nia Ligestraro fine konsentis kaj donis al Li, en 1927a la titolon « Prezidanto pro honoro ». Tamen nia karmemora batalanto ĉiam kore

daŭrigis sin interesi al nia movado kaj ni renkontis lin ĉiam, kiel ĉeestanto, kiam io interesa okazis en lia kara Bruĝa Grupo. Li ankaŭ prizorgis la reeldonadojn, ĉiam plibonigitajn de lia flandralingva traduko de « Esperanto en dek lecionoj » kies ĉiu nova presado estis modeste prezentita kiel « nova eldono ».

El tuta nia koro ni esperis ke nia bedaŭrata Amiko, dank' al la flegado de siaj familianoj kaj de la kuracistoj, estus povinta resti inter ni dum multaj, multaj jaroj.

Ho ve, tia ne estis la volo de l'Ĉiopovulo! Li vokis sian fidelan Servanton ĉe Si! Ni devas submeti nin al Lia volo kaj restas al ni nur plori antaŭ tombo tro frue malfermita!

Je la nomo de Belga Ligo Esperantista, de ĝiaj grupoj kaj izolaj membroj, mi, kun vundita koro, malĝoje adiaŭas al nia karmemora kunbatalanto.

Kara Amiko Witteryck, antaŭ vi kiu estis por viaj kunhomoj, viro tiel bonkora, tiel afabla, tiel servema, ni kun pro doloro premita koro, kliniĝas kaj dankas vin pro via senlaca agado por nia komuna idealo. Ni transprenas la standardon falintan el viaj manoj kaj, penante imiti vian grandan ekzemplon, ni portos ĝin pli proksimen al la fina triumfo de nia Entrepreno.

Neforgesebla, kara Amiko, via tasko, ho ve, finiĝis, sed tro frue laŭ la deziro de ni ĉiuj kiuj amis kaj respektis vin. Vi ĝuu ripozon bone kaj inde merititan, ĝi estu dolĉa al vi! Adiaŭ, kara Prezidinto, ĝis la revido en alia, pli bela, pli paca Mondo!

Al Sinjorino Witteryck, al la tiel dolore trafita familio kaj al niaj geamikoj de l'Bruĝa Grupo, mi prezentas la plej profundajn kondolencojn je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista ».

Post tio, F-ino Yvonne Thooris, Prezidantino de la Bruĝa Grupo, diras emocie kaj kortuŝe la sekvantajn vortojn :

**Parolado de F-ino Thooris.**

Funebrantaj Aŭskultantoj, karaj Gesamideanoj,

Nova funebro trafas la belgan samideanaron! Granda doloro trapenetras niajn korojn. Ni staras ĉe la tombo de nia Honora Prezidanto, Prezidinto-fondinto de Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.

Ĉu ni sufiĉe konceptas ĉion, kion faris S-ro Witteryck, pioniro de Esperanto en Bruĝo, por konigi kaj disvastigi nian lingvon kaj nian celon en Belgujo, kaj nome en Bruĝo?

Esperantisto de la unua horo, amiko de Zamenhof, li donis al la Bruĝa Grupo la spiron, la impulson, la veran esperantovivon al kiu ĝi ŝuldas sian nunan maturecon.

Fortanima, bonkora, energia viro, li pacience, firme, senlace, daŭre laboris per la parolo, per la plumo, per la ago, per la ekzemplo por la venko de nia idealo.

Se « En la mondon venis nova sento », ni havas la rajton diri, ke, dank' al S-ro Witteryck « En Bruĝon venis nova sento ! ».

Pacamento, al ni li montris la Vojon. Ni ĝin sekvis. Al ni li diris per kanto « Antaŭen Bruĝanoj ! ». Antaŭen ni iris. Al ni li asertis per nia devizo « Unueco donas fortecon ». Unuigitaj ni estas, fortaj ni staras.

Kormalsana dum multaj jaroj, je lia bedaŭro, kiel je la nia, nur de malproksime, de Steenbrugge, de Assebrouck, kie ekzistas Esperanto-strato, la sola en Belgujo, li povis sekvi la progresojn de nia movado.

Kun kortuŝo mi pensas pri lia ĝojo, kiam la 21-an de Junio pasinta, mi montris al li la belan pokalon de la Fondaĵo Frans Schoofs. Larmoj plenigis liajn okulojn brilantajn pro fiereco dum sur liaj lipoj aperis adiaŭa rideto. Tiu pokalo multvalora estis lastega saluto de Belga Ligo Esperantista, ĉe lia suferlito, ĝi estis ekstrema sunradio havigata de la Bruĝa Grupo al li, la Patro de Esperanto en Bruĝo!

Al vi, kara Honora Prezidanto, en la nomo de Bruĝa Grupo, de tiu grupo tiom amata de vi kaj kiu tiom amis vin, mi esprimas egan profundan, tutkoran dankemon pro ĉio, kion vi faris meritplene kaj malavare por ĝi dum pli ol 31 jaroj.

Antaŭ vi, kliniĝu nia verda standardo!

Mi promesas al vi ke ni daŭrigos vian verkon. Via spirito restu inter ni, via nomo estu gravurita en niaj koroj, via esperanto-familio ĉiam memoru vin!

Tio estu konsolo por vi, funebrantaj vivkunulino, filino, bofilo, familio kaj geamikoj!

Adiaŭ. Dio donu al vi ripozon eternan!

Estas la fino. Nia verda flago, helbrila en la fajra sunradiado, lastfoje malvolviĝas super la tombo, la ĉeestantoj unu post la alia kliniĝas antaŭ la entombigita ĉerko, kaj jetas sur ĝin ŝovelon da tero. En tiu tero nun ripozas Tiu, kiun oni prave povas nomi : la Patro de Esperanto en Belgujo !

Ch. POUPEYE.

* * *

# IN MEMORIAM

La jaro 1934a estas kruela por la Belgaj Esperantistoj. Ĝi ne nur senigis ilin je ilia Alta Protektanto, Reĝo Albert', kaj je ilia tiel agema Prezidanto Frans Schoofs, sed ĝi trafis ilin trian fojon — kaj ni tre esperu ke ĝi estu la lasta — per la morto, la 3an de Julio lasta, post multjara kormalsano, de unu el la malnovaj pioniroj de nia movado en Belgujo, Prezidanto pro honoro de Belga Ligo Esperantista, Sinjoro A. J. Witteryck.

Pro lia malsano nia kara samideano, de dekduo da jaroj ne plu povis publike partopreni la propagandon por nia idealo. Tiuj kiuj lin konis, scias kiel varma, fervora Esperantokoro batis en lia brusto, kiel aminda, afabla kaj sindona viro li estis kaj ĉiuj el sia tuta koro bedaŭros la perditan amikon.

Sinjoro Antono Jozefo Witteryck naskiĝis en vilaĝo Oostcamp la 6an de Junio 1865. De sia junaĝo li sin interesis al instruaj demandoj. Li konis diversajn lingvojn, inter kiuj la Anglan kaj la Hispanan. Fariĝinte presisto — unu el la ĉefaj presistoj el Bruĝo — li publikigis aron da lego- kaj lernolibroj en flandra kaj franca lingvoj. Tre frue lin interesis la demando pri la helplingvo internacia. Li mem serĉis solvon kaj aliĝis al la Volapüka movado, sed konatiĝinte kun Esperanto, li sin donis tute al la propagando por tiu lasta lingvo, uzante ĉiuspecajn rimedojn, paroladojn, artikolojn, kursdonadon, presadon de lego- kaj lernolibroj, kc.

En 1902 li fondis la Bruĝan Grupon, nun la brilan « Reĝan Societon ». Li ĝin prezidis ĝis en 1920, kiam, pro lia malsano li igis sin anstataŭi de la nuna tiel agema kaj lerta prezidantino F-ino Yvonne Thooris. Liaj samgrupanoj donis tiam al li la titolon « Honora Prezidanto ».

En 1905 nia Samideano partoprenis la starigon de Belga Ligo Esperantista. Fundamentfidela, li helpis reorganizitan Ligon, post la skismo de 1908 (kunsido de la 25a de Oktobro) kaj fariĝis vic-prezidanto de B. L. E. En 1912, post la morto

de l'bedaŭrata Amatus Van der Biest-Andelhof, li estis nomata Prezidanto, funkcio kiun Li konservis ĝis 1927a, kiam la Ligestraro favoris lin per la titolo « Prezidanto pro Honoro ».

Kiel prezidanto de B.L.E., Sinjoro Witteryck prezidis la belgajn kongresojn okazintajn en Gento (1912), Spa (1913), Meĥleno (1914), Sta Niklaas (1922), Bruĝo (1924), kaj la Internacian Esperanto-Semajnon en Gento, dum la tiea Universala Ekspozicio (1913). Tiuokaze li prezentis du raportojn favorajn al Esperanto en la Internacia Kongreso por la helpo al militvunditoj.

Dum la mondmilito nia Amiko restadis en Anglujo kaj en Holando. En ambaŭ landoj li instruis oficiale Esperanton al la militkaptitoj kaj verkis specialan libron por tio. Li estis Honora Prezidanto de la Esperantista Grupo de Hastings.

Post la milito li revenis Belgujon kaj trovis sian presejon tute detruitan kaj siajn presilojn forŝtelitajn de la malamiko: tiu terura malkovro kaj la malrapideco por lia sendomaĝigo kaŭzis al li la gravan malsanon pro kiu li mortis.

Dum la lastaj jaroj Sinjoro Witteryck havis la ĝojon sukcesi donigi la nomon « Zamenhofstrato » al nova publika vojo, proksima je sia domo, en la komunumo Assebroeck (Steenbrugge) apud Bruĝo. Nia amiko estis Lingva Komitatano ĝis 1932.

Antaŭ la Milito Sinjoro Witteryck publikigis interesan ĉiumonatan flandralingvan revuon ilustritan en kiu li rezervis gravan rubrikon al Esperanto.

Por fini jen la listo de la Esperantaj verkoj kiujn li eldonis:

Het Esperanto, zegepralende oplossing van het vraagstuk der Wereldtaal (Esperanto, triumfa solvo de l'problemo de l'L. I.);

Companion of the English Esperantist;

Het Esperanto in tien lessen (traduko de « Esperanto en dek lecionoj), (tre ofte represita);

L'Esperanto en cinq leçons — Het Esperanto in vijf lessen (Esperanto en kvin lecionoj) (represita);

Kelkaj floroj Esperantaj (diversaj serioj de agrablaj, ŝercaj legaĵoj);

An Esperanto-conversation book in 4 languages (presita je l'kosto de l'belga Ŝtato, por la kursdonado en Anglujo kaj Holando).

Kantlibro titolita « Kantareto » enhavanta i.a. specialan melodion por « La Espero », verkitan de Sinjoro Witteryck mem.

Nia tre bedaŭrata, multmerita Amiko dormu pace sian lastan dormon. L. COGEN.

### *MENDO DE FOTOGRAFAĴOJ*

***Ni atentigas pri la fakto, ke la livero de la grandaj fotografaĵoj (grupo de partoprenintoj en " Schoonselhof ") nur estas ebla je la tre favora prezo de fr. 5,--- por la granda formato, okaze de komuna mendo, en unu fojo, de ĉiuj liverotaj ekzempleroj.***

***Ĝis nun alvenis nur 3 mendoj. Ĉar ni supozas, ke ankaŭ aliaj personoj deziras akiri unu aŭ plurajn fotografaĵojn, ni insistas, por ke la mendoj alvenu al ni antaŭ la 10a de Aŭgusto. Ni tiam mendos tuj la tuton kaj la forsendoj okazos plej laste la 15an de la monato.***

***La pagoj okazu sur la poŝtĉekkonto N-ro 1700.10 de la direktoro de nia Revuo.***

# U.E.A. B.L.E. F.L.E.

Nia artikolo, aperinta sub sama titolo, en la antaŭa numero de B. E., vekis grandan intereson en ĉiuj rondoj de la sekcioj de Belga Ligo Esperantista.

En diversaj grupoj, oni eĉ jam ekzamenis la situacion.

Kvankam oni kompreneble ne povas malhelpi ke membroj parolu inter si pri tia grava demando, ni deziras atentigi, ke la kunveno en Bruselo okazis laŭ persona invito kaj estis tute persona ; ke S-ro Petiau kaj mi mem akceptis sendi al la Ligestraro la rezolucion sed ne promesis fari ion plian. Sed ĝuste, ĉar temis pri persona renkonto, la du invititoj opiniis, ke plej bone estas, ke tuj la granda lumo iru super tiu iniciato de la Ĉefdelegito de Britlando, S-ro Wadham.

Ni nun rediru ke la du Belgaj invititoj — ekster do S-ro De Ketelaere, kiu ĉeestis kiel ĉef-delegito de U.E.A. — opiniis, kaj opinias ke ne estus estinta bone, ke ili rifuzu iri al tiu kunveno.

Tamen ili jam antaŭe konis la malfacilaĵojn, kiujn ni skizis en la antaŭa artikolo post kiam la subskribinto estis klariginta ilin dum la kunveno :

U.E.A. nenion rajtas fari. Ĝi estas la plenumanto de la Aranĝo de Kolonjo. Envicigi la flandremulojn en la universala movado, kiel simplaj membroj, do estas nur eble, se iu aranĝo efektiviĝas inter la du organismoj.

Malgraŭ la granda diverseco en la kunmeto de ambaŭ Ligoj, malgraŭ la malsameco de la celoj de ambaŭ organizaĵoj, la kunvenintoj esploris jam, ne la kunfandiĝon de ambaŭ Ligoj, sed la aranĝon, sur alia bazo, de la tuta Belga movado. En tiu ideordo, ili alvenis al plano, kiun ili submetas al pridiskuto eventuala de ambaŭ Ligoj.

Ili tial invitis ambaŭ Ligestrarojn, konsideri ĉu ne estus dezirinde, havi oficialan komunan kunvenon.

Notinde estas, ke tio nenion signifas rilate al la personaj deziroj de la du partoprenintoj de Belga Ligo, kiuj tamen akceptis defendi la rezolucion en Belga Ligo, kiel solvon, *kiu estus ebla, se en la flandra kampo, oni akceptas sin honeste envicigi en Ligo aŭ Asocio kun « belga » nomo, kaj forlasi tute la politikajn kromcelojn, kiujn havas diversaj elementoj de la ekzistanta Ligo, kiu nun, ĵus pro tiu kunmeto, ne havas la necesan neŭtralecon por iĝi parto de la internacia neŭtra movado.*

Jen ĉio kio okazis : Nenia promeso, nome de la Ligo, nenia perforto, kiun cetere la 25 jaroj de sekretarieco de S-ro Petiau kaj miaj diversaj funkcioj en la belga movado ne estus pravigintaj.

Tial mi jam aldonis en mia unua artikolo, ke oni ne polemikos pri tio en nia revuo, kaj se mi hodiaŭ ankoraŭ foruzas ioman lokon en la nuna numero, mi eble jam trouzas mian rajton, sed mi tion faras, kredante, ke mi tiel helpas, pli ĝuste situi, en ĝia vera plano, la iniciaton, al kiu ni partoprenis.

Maur. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

*LEXICON KART-LUDO. — Ni atentigas la grupestrarojn pri la ekzisto de speciala kartludo, kun Esperanto-literoj, kun kiuj oni, dum la ludo, devas formi Esperanto-vortojn. La ludo estas tre amuza kaj lerniga por la membroj.*

*La 52 kartoj en eleganta skatoleto en libro-formo, estas eldonata de « Brita Esperantista Asocio » kaj estas akirebla ĉe « Belga Esperanto-Instituto », je la prezo de Fr. 15,—.*

*Bonfaremaj membroj donacu unu ludon al sia grupo !*

*Ni memorigas ke tiaj kartludoj ekzistas ankaŭ sen supersignitaj literoj, do por ludado kun familianoj kiuj ne konas la Esperantan lingvon kaj tamen deziras kunludi formante do flandrajn aŭ francajn vortojn. La prezo de la kartaro estas la sama kiel tiu de la Esperanta.*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

4 Aŭg. : Amuza Vespero.

11 Aŭg. : Peter Benoit-vespero.

18 Aŭg. : Ĝenerala monata kunsido.

25 Aŭg. : Diplomdisdono (Kursoj de S-roj Jaumotte kaj Sielens).

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

31 Julio : Konkursoj kaj Ludoj. (Prez. F-ino M. J. Vanden Berghe.)

5 Aŭg. (dimanĉon) Rememorigo : je la 9 h. 30a la Abatejo de Steenbrugge, meso je la memoro de S-ro A. J. Witteryck, je la demando de la funebranta familio.

7 Aŭg. : a) lastaj aranĝoj por la Komerca Foiro ; b) Komuna legado de « Belga Esperantisto ». Prez. S-ro Ch. Poupeye.

11 Aŭg. : Inaŭguro de la 2-a Komerca kaj Industria Foiro de Bruĝo, (Esperanto-Fako kaj Stando) malfermata ĝis la 20-a de Aŭg., ĉiutage de la 9-a ĝis 18-a horo.

14 Aŭg. : Parolado de S-ro Jos. Decoster pri : Film« steloj » kaj Film« artistoj ». (Prez. S-ro G. E. Guillaume.)

21 Aŭg. : Redakta kaj traduka vespero. (Prez. F-ino Y. Thooris.)

28 Aŭg. : Kanta vespero, sub gvidado de F-inoj A. Boereboom kaj S. Weissenborn.

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo : Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Ĉe la komenco de ĉiu kunveno okazos « Samideana Prediketo ». — c) En okazo de bela vetero iu aŭ alia el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭata per komuna vespera promenado. — d) Pĉ. de la grupo estas 234.004 ; telef. de la Prez. : 320.86.

* * *

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

La 30an de Julio : S-ro Lavisse prezidos.

La 6an de Aŭgusto : S-ro Opal prezidos.

La 13an de Aŭgusto : S-ro Jacobsohn prezidos.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** ». — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7a vespere.

Dum Aŭgusto (libertempo) la kunvenoj okazos en la parko kontraŭ la muzeo de la Belaj Artoj. Okaze de malbela vetero oni kunvenos ĉe la Sekretario : St. Lievenslaan, 60, Boulevard St. Liévin. (Ĉiumerkrede je la 7a vespere.)

La membroj estas petataj regule ĉeesti tiun kunvenon dum kiu oni paroladas, ellernas la lingvon kaj kutimiĝas ĝin flue paroli.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ». — Kalendaro laŭ la grupoj :

*Grupo de Chênée :* ĉiulunde je la 7a h. vespere, la 6, 13, 20 kaj 27-an de Aŭgusto.

*Grupo de Lieĝo :* provizore : ripozo.

*Grupo de Sclessin :* ĉiuĵaŭde je 19 h. 30 vespere, ĉe S-ro L. Dechesne, rue Ernest Solvay, 1, kontraŭdireblaj paroladoj, la 2, 9, 16, 23 kaj 30a de Aŭgusto.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La 30an de Junio estis amuza vespero, dum kiu la membroj daŭrigis la Konkurson kun la A.B.C.-ludo. S-ro Jaumotte bonvenigis oficiale en la grupo la Japanan samideanon, kiu jam kunekskursis aŭtomobile kelkajn tagojn antaŭe kaj ankaŭ vizitis la kurson, gviditan de S-ro Jaumotte kaj tie alparolis la gelernantojn de la rapida kurso.

La 7an de Julio, S-ro Jaumotte antaŭ la staranta kunvenantaro elparolis la funebran laŭdon de S-ro Witteryck, kies meritojn li skizis. Li parolis emociplene pri tiu malnova pioniro kies foriro, kvankam parte antaŭvidita pro lia grava malsano, tamen ankoraŭ surprizigis ĉiujn amikojn. S-ro Sielens poste faris sian duan paroladon pri la internacia gazetaro. Li duafoje legis kaj priparolis la interesajn tekstojn, kiuj aperis en diversaj gazetoj kaj faris sugestojn rilate al la vivo de la loka grupo. La prezidanto lin dankis kaj ankaŭ bonvenigis tiujn el siaj lernantoj, kiuj, unuafoje, ĉeestis la kunvenon de la grupo.

La 21an de Julio pro la Nacia Festo ne okazis kunveno.

La 6an kaj la 10an de Julio okazis la ekzamenoj de la du kursoj gviditaj de S-roj Jaumotte kaj Sielens. Tiuj ekzamenoj havis bonan rezulton, kiun ni tamen nur komunikos okaze de la diplomdisdono.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 5-an de Junio la grupanoj pasigis agrablan vesperon ludante per la « Lexicon »-kartludo.

La 12-an de Junio okazis kanta vespero sub la lerta gvidado de F-inoj A. Boereboom kaj S. Weissenborn. Post la kantado la prezidantino F-ino Thooris prezentis sian tradukaĵon « La Rido ». Tiu legado okazigis tre interesan diskutadon pri la elekto de kelkaj esprimoj.

Pluraj grupanoj partoprenis la ĝeneralan jarkunvenon de B.L.E. en Antverpeno, la 17-an de Junio. Post la impresiga inaŭguro de la Monumento Schoofs, okazis la agrabla akcepto organizita de Ges-roj Jaumotte, dum kiu la Bruĝanoj fiere

ricevis la Pokalon « Frans Schoofs ». Kiel diris Prez. F-ino Thooris, la teatra sekcio de B.G.E. laboros entuziasme por konservi tiun trofeon. Dum la dirita ĝenerala kunveno estis decidata, ke la Belga Kongreso okazos dum 1935 en Bruĝo. La Bruĝaj gesamideanoj akceptis plezure la taskon pri ĝia organizado kaj jam de nun ili kunigis la kapojn por pensi pri honoriga plenumo de tiu tasko. La aliaj samideanoj povas jam pensi... pri aliĝo, kiun ili — laŭ Bruĝa honorpromeso — certe ne bedaŭros!

La 19-an de Junio la grupo ricevis la viziton de Ges-roj Humez el Douai, de S-roj Moy Thomas, el Londono, Groverman el Gento, kaj Braet, el Nieuwpoort. Post gaja komuna vespermanĝo en « Cornet d'Or », S-ro Humez faris tre interesan paroladon: « Gastronomia Promenado tra Francujo ». Tiu priparolado, klare kaj humore farita, ĝuis grandan sukceson. S-ro Groverman el Gento, protektanta membro de B.G.E., prezentis florojn al S-ino Humez kaj Prez. F-ino Thooris, en la nomo de la grupo, proponis al Ges-roj Humez puntan tablotuketon, kiel memoraĵon al tiu agrabla vizito. Post tio S-ro Moy Thomas kantis kelkajn sukcesojn el sia repertuaro tre ĝuitajn de la gesamideanoj. Tiu vespero finiĝis per gaja dancado.

La 26-an de Junio, la gekunvenantoj, profitante la belan veteron, faris komunan vesperpromenadon al « Luna Park » en Assebroek, sub la gvidado de la simpatia membro S-ro Tanghe. Ĉiuj bone amuziĝis kaj unuvoĉe decidis reviziti tiun allogan ejon (nepagita reklamo!) .

La 1-an de Julio matene la grupo partoprenis al la kutima sekvantaro sur la Granda Placo okaze de la Kolonia Tago, kaj organizata de la «Koloniale en Zeevaartkring », aliĝinta jam de multaj jaroj kiel apoganta membro al B.G.E. — Posttagmeze, trideko da samideanoj, inter kiuj kelkaj amikoj el Roeselare, alkondukitaj de S-ro Henri Braekevelt, estinta membro de B.G.E., ekskursis al Lophem, unuj trame kaj piede, aliaj bicikle. Tie ili vizitis la tre amuzan labirinton kaj post refreŝiĝo en vilaĝa trinkejo, la piedirantoj trairis la belegan arbaron de Tillegem dum la biciklantoj ĝin ĉirkaŭrajdis larĝe kaj je la alia flanko atendis... sufiĉe longe la surŝuajn partoprenantojn. Post fina renkontiĝo, agrabla horo estis ankoraŭ pasigata kune en konata somertrinkejo « Lekkerbek ».

La 3-an de Julio, Prez. F-ino Thooris, per emociigaj vortoj, anoncis la tiumatenan morton de S-ro A. J. Witteryck, Honora Prezidanto, Prezidinto-Fondinto de B.G.E. kaj Prezidanto pro Honoro de B.L.E. La ĉeestantoj starigis kaj silentadis dum kelkaj momentoj je la aŭdo de tiu kruela perdo. Tuj estis alprenataj aranĝoj por la partopreno en la funebra ceremonio, kiu devis okazi la 6-an de Julio, kaj pri kiu jam aperas raporto aliloke. Konsiderante ke la plej bela respektesprimo direktebla al la memoro de tiu amata Patro de la grupo estas senlace daŭrigi lian poresperantan laboron, la grupanoj decidis, malgraŭ la doloriga funebro, plenumi la tiutagan programon, kiu anoncis duan prelegon de F-ino Suzanne Vanden Berghe pri « De la primitiva ĝis la nuntempa arto ». Tiu prelego do okazis antaŭ speciale atentema kaj serioza aŭdantaro, kaj je la fino S-ro Ch. Poupeye, deĵoranta prezidanto de tiu kunveno, nome de ĉiuj, direktis al F-ino S. Vanden Berghe dankvortojn tiajn, kiajn ŝia valora laboro plene meritis.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — Se oni, je tiu ĉi momento, kiam la libertempo komenciĝas, rerigardas al la lastaj monatoj, oni povas esti sufiĉe kontenta pri la grupa vivo.

La kunsidoj estis regule sekvataj de 30 ĝis 38 gegrupanoj. Se oni komparas tiun nombron al la nombro de efektivaj membroj de la Grupo, tio ŝajnas rekordo laŭ la proporcio. En Julio la kunsidoj ankoraŭ nombras ĉirkaŭ 25 ĉeestantoj malgraŭ libertempoj.

Tiu vigleco estas ŝuldata al du faktoroj. Unue, la adopto de kelkatempa sistemo de kunsida prezidanteco; t. e. ke ĉiu kunsido estas prezidata de alia membro, ne gravas ĉu estu komitatano aŭ ne. Tio alportas la plej interesan diversecon en la programojn, ĉar, kiu bonvole akceptas gvidi vesperon, klopodas por siamaniere agrabligi ĝin, kaj ĉiu havas sian specialan talenton, do, oni komprenas facile ke la unutoneco estas neekzistanta.

La alia faktoro estas ke la kurso kiu komenciĝis en Septembro okazis regule ĉiulunde, ĵus antaŭ la ordinara kunveno, kaj la gelernantoj, de la komenco ĉeestis la kunvenojn kaj prenis en ili grandan intereson, tiel ke nun, estus por vizitanto, neeble distingi ilin de la aliaj membroj. La leciono tre mallonga (30 ĝis 40 minutoj) estas daŭrigata ankoraŭ nun. Kial ĉesigi ĝin, kiam la gelernantoj mem esprimis la deziron, ke ĝi estu plilongigata per kiu ajn rimedo?

Do, unuvorte, la situacio estus plej kontentiga se ombro ne ŝvebus super la grupo: la foresto de la kara Prezidanto, D-ro Van der Biest, foresto kaŭzata de malsano, kiu trafis lin jam de kelka tempo. Sed, espereble, oni povas ekvidi la baldaŭan momenton de lia regula ĉeesto, kiun ĉiuj arde deziras.

**GENTO. — " Genta Grupo Esperantista ".** — Dum la ĉiusemajnaj kunvenoj de Junio kaj Julio la grupanoj donis, siavice, lecionon pri kaj en Esperanto. Tiu ekzerco montriĝis tre interesa kaj lerniga.

En Aŭgusto, okaze de la libertempo, la membroj faros ĉirkaŭ la urbo promenadojn gvidotajn ĉiufoje de alia Samideano, kiu pritraktos cirkonstancan temon. Tiuj promenadoj estos do tre agrablaj kaj interesaj. La gegrupanoj estas varme petataj ilin partopreni.

**LIEĜO. — Soc. Lieĝa por la Propagando de Esp.** — La 24-an de Junio okazis en Sclessin ceremonieto por disdono de diplomoj al la laŭreatoj de la kursoj de SLPE. La kunsido komenciĝis per bonvena vorto de S-ro Baiwir, Prezidanto, kiu honoriginte denove la memoron de Lia Reĝa Moŝto Alberto kaj de S-ro Schoofs, montris per lego de kelkaj bonaj ĵurnalartikoloj la grandan utilon kaj progreson de Esperanto. S-ro Dechesne, ekzamen-prezidinto, post la kutimaj dankoj al profesoroj, komitatanoj k. t. p., gratulis la lernintojn kaj faris al ili varman alvokon por aliĝo al Belga Ligo kaj U.E.A. Tiam sekvis la disdono de diplomoj kaj premioj dum « La Espero » aŭdiĝis kvazaŭ fest- kaj triumfario. Ricevis la diplomon kun la plej granda merito: S-ro Lhoest Désiré, F-ino Lietino Faveaux, S-ro Istace Henri; kun granda merito: S-roj Wilmotte Oscar, Mailleu David, Ktosowski Antoine, Martens Léon, Gaspard Gustave; kun merito: S-ro Collignon René, F-ino François Jeanne, kun sukceso: S-ro Gillet Louis.

La 17-an de Junio, la societo reprezentigis sin de S-roj Baiwir kaj Dechesne en la Esperanto-tago en Antverpeno kaj la 12-an de Julio okazis speciala kunveno por aŭdi detalan raporton pri la lastaj okazintaĵoj por pristudi la organizon de someraj ekskursoj kaj de la venontaj vintraj kursoj.

## MALGRANDAJ ANONCOJ

— S-ro Josef Jenka, Horni Kostelec okres Nàchod (Ĉeĥosl.) 18-jara dez. interŝanĝi leterojn, vidaĵkartojn, monerojn kaj poŝtmarkojn.

## MONSUBTENO

Laŭ peto de la Ligestraro, ni en ĉiu numero daŭrigos subtenliston, por la eldona kaso de « Belga Esperantisto », dum ni ankaŭ kvitigos per mencio ĉiujn pagojn, farotajn al la « Fondaĵo Frans Schoofs ».

Ni memorigu, ke, por ambaŭ, ni akceptas eĉ la plej malgrandajn donacojn. Ili estas bonvenaj sur Poŝtĉekkonto 1337.67 de « Belga Ligo Esperantista ».

Por « BELGA ESPERANTISTO » :

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo . . . . . . . . | Fr. | 25,— |
| Bruĝa Grupo (soldo de Junio) . . | Fr. | 5,— |

Por « FONDAJO FRANS SCHOOFS » :

| | | |
|---|---|---|
| Komenca sumo . . . . . . . | Fr. | 2.600,— |
| G. De Boes . . . . . . . . | Fr. | 25,— |

## INTER NI

*Grupeto de bonaj samideanoj esprimis la deziron, malfermi interkorespondadan angulon en nia Revuo. Ni publikigis jam iliajn kelkajn demandojn. Tiuj, kiuj respondos, kaj tiuj, kiuj deziras fari novajn demandojn povas ensendi maksimume 12 liniojn de ĉirkaŭ 60 literoj aŭ spacoj, por Fr. 2,—. La pagon oni povas fari per P. M. aŭ al Pĉk. de la Ligo. Sufiĉas en tiu ĉi lasta okazo ripeti sur la pagilo la pseŭdonimon uzitan en la letero al ni sendita.*

4. AL PIONO: Bedaŭrinde la dokumentoj pri Svisujo ne estis en Esperanto sed nur en franca lingvo. Ili estas haveblaj de « Office National Suisse de Tourisme », 1ª Rue du Congrès, Bruselo. Skribante ne manku citi la konferencon kaj Esperanton. — *Brusela ŝraŭbo.*

5. AL ĈIUJ: Mi estas kontenta pri la starigo de la rondo « Inter Ni » kaj tuj volas vidi ĉu en ĝi mi trovos bonajn amikojn, kiuj bonvolos babili kun mi. Mi ne volas altrudi iun specialan temon al eventuala perĵurnala korespondanto, sed mi multe ŝatas vojaĝon kaj volonte interŝanĝus impresojn pri tio. Mi ankaŭ ŝatas muzikon kaj deziras ekkoni Esperantajn kantojn. Ĉu la kantgvidantinoj de Bruĝo ne povus al mi konigi kelkajn belajn ariojn sur kiuj ekzistas Esp.-vortoj. — *Eriketo.*

6. AL TARZAN: Mi komunikis la tekston de « La Coquille » al la direkcio de la revuo, al kiu vi povas vin turni. — *Wides.*

7. AL ĈIUJ FRAŬLINOJ: Mi deziras babili iomete kun fraŭlinoj el la diversaj Esp.-urboj de Belgujo. Tio pli bone konigos nin unu al alia, ĉe renkonto en Kongreso. Kiu estos la unua por respondi al mi? — *Vivamanto.*

8. AL KAMARADO: Mi volas apogi vian peton ĉe la Ligestraro rilate al la P.M.-borso. Mi proponas ke se ni estas sufiĉe multnombraj ni skribu je fiksota dato, ĉiuj aparte, sed samtempe, al la Estraro. — *Telofilo.*

9. AL PIONO: Mi preferas la rektan metodon, ĉar ĝi necesigas pli grandan atenton de la lernantoj, kiuj pli rapide konscias ke ili komprenas nian lingvon kaj tial ankaŭ pli rapide klopodas mem paroli. La rekta metodo tamen demandas pli lacigan laboron flanke de la profesoro. — AL ĈIUJ PROFESOROJ: Kiuj volas korespondi pri tiu metoda temo? Tia priparolado povus iĝi interesa kaj fruktodona por la antaŭenpuŝado de nia lingvo. — *Amatoro.*

10. AL TARZAN: Verkoj, kiuj donas kompletan resuman raporton pri la Historio de la artoj preskaŭ ne ekzistas en malmultekosta eldono. Mi tamen povas nomi: Louis Hourticq: « Le Musée du Louvre ». Pli kompletaj verkoj estas: A. Vermeylen: « De geschiedenis der Europeesche plastiek » (3 volumoj). Elie Faure: « Histoire de l'art » (3 volumoj). — *S. Vanden Berghe.*



## Bibliografio

MANUEL DE CONVERSATION. — Tiu ĉi libreto eldonita de la « Alliance Internationale de Tourisme », enhavas frazojn en franca, nederlanda, germana, angla, itala, hispana, dana kaj Esperanta lingvoj. Ĉu necesas ankoraŭ diri bonon pri tiu lernolibro kiu plej bone taŭgas por turistoj, sed kiu ankaŭ estas bona por ĉiuj kiuj ĝenerale deziras lerni lingvon, ĉar la lingvo de la turisto, tamen nur estas la ordinara ĉiutaga lingvo. La Brusela Grupo povas havigi la libreton kontraŭ pago de F. 3,20 (afrankite).

*« BONHUMORO » de Paul Nyssens, esperantigita de la aŭtoro mem laŭ la franca orginalo. Paĝoj 175. Prezo : fr. 15,—.*

F-ino Thooris jam en la lasta kongreso parolis al la membroj de « Belga Ligo Esperantista » pri tiu ĉi tre interesa libro kiun ĉiu ne nur devus legi sed posedi, ĉar relego je iaj momentoj estas dezirinda. La aŭtoro mem ne atendas rekompencon el sia libro. Li mem diras en mallonga antaŭparolo, ke li jam sufiĉe estis repagita por sia laboro, pro la pli serena mensa sintenado kiun li akiris redaktante la paĝojn, je l'intenco de la leganto. Ni povas reciproki kaj diri al la legantoj de B.E. ke ni same ĝuis grandan kontentecon lasante nin influi de la pensoj, kiujn ni legis en tiu ĉi libro. Tiu ĉi legado helpis nin dissemi ĝojon ĉirkaŭ ni kaj tiel plibonigi la humoron de tiuj kiuj nin regule ĉirkaŭas. Ne ekzistas dubo, ke bonhumoro devas esti kulturata. Same certe estas ke tiu kiu tion faras, samtempe zorgas por sia propra avantaĝo, dum li ankaŭ utilas al sia najbaro. Kaj tiel ni povas diri ke S-ro Nyssens vere faris servon al la Esperantistaro publikigante je sia risko libron, kiu meritas rapidan vendadon kaj represon.

*INFERO. Unua parto el « Komedio » de Dante Alighieri. Laŭ la originala itala teksto kaj formo, en rimaj versoj tradukis kaj per specialaj klarigoj komentariis Kolomano Kalocsay. Eldonis 1933: Literatura Mondo kaj AELA, Budapest. Sur senligna papero, dukolora kovrilpaĝo, kun 15 originalaj ilustraĵoj de Deszö Fay kune 320 paĝoj. 23×15,5 cm. Prezo: broŝ. sv. fr. 8,80; bind. sv. fr. 11,— plus 10 % por sendkostoj.*

*HASTINGS KAJ ST LEONARDS de W. H. Dyer. Gvidlibreto eldonita de The Hastings kaj St Leonards Municipala Informejo. 12 Paĝoj. 14,5×23 cm.*

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO